

# Boletin

de la Federación Española de Esperanto



Nº 301 MAJO - JUNIO (JULIO) 1991

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**


*Centra Oficejo:*
c/ Rodriguez de San Pedro, 13. 3°. p-7.
28015 MADRID
Tel: (91) 4-46-80-79

*Prezidanto:*
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780 SANTIAGO DE COMPOSTELA
Telefono kaj fakso: 981-59-80-05

*Sekretario:*
Manuel López Hernández
Apartado 369
41080 SEVILLA

*Vicprezidanto:*
Alberto Franco Ramirez

*Vicsekretario:*
Luis Gil Pérez

*Estrarano pri kontado (kasisto):*
José Mª Bernabeu Franco
Gral Primo de Rivera, 6
03360 CALLOSA DE SEGURA
Alicante
Konto:
Cta Ahorro n° 83100-272 de Hispana Esperanto Federacio en Banco Español de Credito en Callosa de Segura.

*Libroservo de HEF:*
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

*Fundación Esperanto*
Inés Gastón
P° de la Costitución, 35, 4°
50001 ZARAGOZA

desde Zaragoza os enviaran el proximo "Boletin"

*Ĉef-redaktoro de Boletín:*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj:*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz

*Junulara Sekcio* (HEJS)
Prezidanto: Iñaki Gauna
Domingo Beltran, 42, 4° D.
01012 GASTEIZ-VITORIA

## ENHAVO :





*Kovrilo:*

Prof. D.JUAN RÉGULO PÉREZ

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.





## INVITO AL KONGRESO

Karaj geamikoj!

Jen mi havas rean okazon, inviti ĉiujn HEFanojn kaj ĉiujn uzantojn aŭ simpatiantojn de la Internacia Lingvo, ke vi ĉeestu kaj partoprenu la diversajn aranĝojn de nia nova Kongreso (nun jam la 51a!).

La principa motivo,kiu logas nin al niaj Kongresoj ja estas la ebleco -sola tra la tuta jaro- kunlabori en persona interrilatado por la utilo de nia komuna celo, nome, la disvastigado kaj pliriĉigo de la uzado de Esperanto. Krome, aldone al tia motivo, ni deziras ke niaj Kongresoj alportu al ni ankaŭ okazon de personaj gajnoj en kulturo, amikeco, distro k.s.

Nu, kvankam tiaj deziroj ĉiukaze trovas adekvatan kontentigon en niaj periodaj renkontiĝoj, ni scias ke nia ĉijara Kongreso jam anticipe certe montriĝas per sia programo unu el la plej allogaj pro la graveco de siaj aranĝoj.

Se mi reliefigu la ĉefajn erojn de nia tuja Kongreso en La Laguna, sendube ke mi faru tion por jena triopo:

- La nomoj *Régulo Pérez - Eldonejo Stafeto - La Laguna* vekas profundajn sentojn de danko kaj admiro en ĉiu uzanto de Esperanto, kaj ĝenerale en ĉiuj personoj kies mensoj, koroj kaj strebadoj sopiras kaj celas al pli efika internacia komunikado en etoso kaj por semado de kunlaborado, egaleco kaj amikeco. Nu, la ĉefa celo de nia 51a Kongreso estas ĝuste la publika prezento kaj oficiala agnosko de tiuj sentoj!.

- Niaj jam tradiciaj kaj modestaj Artaj, Sciencaj kaj Kulturaj Horoj pliriĉiĝas per nova ero, tamen tiel densa kaj ambicia, ke jam de sia naskiĝo ĝi fariĝas memstara afero: Temas pri la Lirikaj Festoj de HEF-Kongresoj, kiuj ĝuste en La Laguna prezentos sian unuan eldonon, tiel por ĝenerala ĝojo kaj frando, kiel por esprimi al Profesoro Don Juan Régulo Pérez la sentojn de liaj disĉiploj.

- Fine, sed ne laste, ni citu la kongresan landon: La Laguna, Tenerife, la montego Teide (al kiu ni ekskursos); la ravaj, mondfamaj pejzaĝoj kaj klimato!,. Krome, plurloke oni organizas flugkaravanojn kun prezoj tre favoraj, eĉ kun plurtaga restado en la Insuloj post la Kongreso!.

Jen kial mi pensas, ke ni ĉiuj klopodos ne maltrafi tian unikan okazon de soleno, danko, kulturo, turismo.

Kaj, do, nome de HEF-estraro kaj de la Loka Kongresa Komitato, ankaŭ mianome, mi invitas kaj anticipe bonvenigas vin ĉiujn al nia 51a Kongreso. Kaj ankaŭ kaj precipe, mi respektoplene kaj danke jam tie ĉi salutas profesoron Régulo Pérez kaj lian edzinon.

Samideane via,

*Antonio Alonso Núñez*
Prezidanto de HEF

# 51a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




## PROVIZORA PROGRAMO.

DIMANĈO, 14a.-

10a/13a horoj.- Oficiala funkciado de la Akceptejo kaj disdonado de dokumentoj.

13a/13,45a h.- Libervola partopreno en katolika meso.

16a h. Prezentado de la Kongreso al ĵurnalistoj, radio, televido, k.a.

17a/19a h. Prepara kunsido privata de HEF-estraro.

19a/20a h.-Unua sesio de seminario pri konjugacio en Esperanto kun profundigo kaj debato pri referaĵoj prezentitaj de S-roj A.Solis Pi kaj F.Dávila Dorta.(Ili sendos anticipan skizon pri siaj teorioj al kelkaj partoprenontoj, tiel ke la debato ne komencu ekde nulo.)

LUNDO, 15a.-

10a/12a h..- (kun paŭzo) Sesio de la Unua Lirika Festo de HEF. (Gvidos ĝin Miguel Fernández helpite de P.Villaroig, Koruso "Verda Stelo" kaj aliaj kunlaborantoj).

12,30a/14a h..- Solena Malfermo Oficiala de la Kongreso dediĉita honore de Prof. D-ro Juan Régulo Pérez, membro de la Akademio de Esperanto. Livero de la medalo "Klara Silbernik"al lia edzino S-rino Carmen Rodríguez.

16a/17a h..- S-ro Antonio Sánchez (Tenerife) prezentos filmon "Esplorvojaĝo tra Azio", parolatan en Esperanto, kaj li mem prelegos pri disvastigado de Esperanto en Azio kaj Afriko.

17,30a h..-Prezentado de video pri Mérida fare de S-ro Fco.Cabezas, jen en Esperanta versio, jen kiel anticipo de tia versio por la venontjara kongreso.

18a/20a h..-Kunveno de HEF-estraro kaj HEJS-gvidantoj.

MARDO, 16a.-

10a/12a h.- Dua sesio de la Unua Lirika Festo de HEF-Kongresoj.

12a/14a h.-Ekzamenoj laŭ la Regularo de ILEI(Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj).

16a/18a h.-Ĝenerala Asembleo Ordinara (Kontoj, buĝeto, informoj pri "Boletín",Libro-Servo,Centra Oficejo,ktp.

18a/20a h.-Ĝenerala Asembleo Eksterordinara por modifo kaj kompletigo de la HEF-Statuto.

MERKREDO, 17 a.-

Tuttaga ekskurso al montego Teide, kun reveno tra Puerto de la Cruz por malkovro de memoriga tabulo, kaj ankaŭ toston ofere de aŭtoritatuloj de tiu turisma urbo.(Oni studas la eblecon, ke tiuj personoj kompetentaj pri mont-grimpado povu piede grimpi ĝis la montopinto en akompano de profesia gvidisto). La vojaĝon partoprenos pluraj amatoroj pri kantado kaj gitarludado, do amuzado ne mankos!

JAŬDO, 18 a.-

10a/12a h..-Tria kaj lasta sesio de la Unua Lirika Festo de HEF-Kongresoj.

Postagmeze: Vizito al la urbo La Laguna kaj Oficiala Akcepto ĉe la Urbodomo.
Post tiu vizito S-ro Antonio Moya (Madrido) laŭtlegos Esperantan version de sia disertacio "Esperanto kaj muziko kiel universalaj lingvoj", per kiu li oficiale aniĝis en la Reĝa Akademio de Kordovo.

Post vespermanĝo: Teatraĵeto fare de HEJS-membroj.

VENDREDO, 19a.-

10a/12a h.- Informo kaj debato pri la projekto"Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj en Esperanto", fare de S-ro Antonio Alonso Núñez (Santiago de Compostela).

Prezentado de novaj libroj: Miguel Fernández prezentos la kajerojn:"Sur la spuroj de García Lorca" kun sonkasedo.
S-ro Antonio Alonso prezentos: "Enkonduko en elementan geometrion". Eblas aliaj prezentoj.
Informo pri demarŝoj pri la Universala Kongreso Valencio/93.

12,30a/14a h..-Solena Fermo de la Kongreso.Disdonado de diplomoj al la sukcesintoj en la ILEI-ekzamenoj.
16a/18a h..-Studo kaj debato pri redaktado de Radio-kurso pri Esperanto.(La buĝeto por Televida-kurso atingas,minimume 10 milionojn da pesetoj).
Vespere. Oficiala Bankedo ĉe Kazino Taoro (Puerto de la Cruz) ofere de la Cabildo de Tenerife.

# Magia dato por Hispanio: la jaro 1.992

## 500-a DATREVENO DE LA MALKOVRO DE AMERIKO



Sendube la okazintaĵo plej grava dum la lastaj 1000 jaroj estas la malkovro de Ameriko. La loĝateco de tiu kontinento, kiam Kolumbo alvenis tien, jam signifas, ke tiu terpeco de nia planedo estis konata. Mi ĉiam legis, ke la loĝantoj de tiu terparto alvenis el aliaj lokoj, precipe el Eúropo, el la norda parto de Eúropo aú el Azio. Ĉu oni povas pensi, ke la migrado okazis inverse?, Ke la resto de tio, kion ni nomas malnova mondo devenas de Ameriko?

La fakto estas, ke Kolumbo konsciis, ke li troviĝas en iu parto de la mondo ĝis tiam nekonata. Sendube la novaĵo revoluciigis la reston de la mondo. Feliĉe, en tiu epoko la tekniko rilata al informado ne havis la nunajn perfektecon kaj kapablon. Do, oni devas imagi, ke la novaĵo pri la malkovro de nova kontinento disvastiĝis iel malrapide. Ĉu vi povas pensi, kio okazus, se subite nuntempe oni farus similan malkovron? Oni ankaú devas pensi, ke la translokiĝo de l'Eúropaj gentoj al la "nova tero" same efektiviĝis tre malrapide, ĉiam kompare al la nunaj eblecoj de translokiĝo. Do, la "aliĝo" de Ameriko al la resto de la mondo fariĝis iom post iom.

En la lernejo, ĉiam oni instruis al mi pri la malkovro de Ameriko, ke ĝi estis unu el la plej gravaj heroaĵoj faritaj de Hispanujo. La instruisto ne ĉesis diri, ke ni iris tien por eduki la tieajn sovaĝulojn por la konvertado de la herezuloj, kaj aplikado de nia kulturo. En tiuj miaj knabaj jaroj, mi ja kredis aú akceptis kiel bonan tiun instruon. Sed la forpaso de la tempo kaj diversaj travivaĵoj, montris al mi kun certeco ke mi estis trompita, aú almenaú, ke oni ne instruis al mi la veron.

Estas grave por mi, kiam oni parolas pri kulturo, .ĉu ni rajtas postuli, ke aliaj akceptu nian kulturon? Ĉu estas kulturo pli bona ol alia? Kiam la homo sin sentas feliĉa kun sia kulturo, kial li devu akcepti alian? Krome ni ne iris tien bonvoleme, ni iris tien postulante, ke ĉiu nepre devas akcepti nian kulturon. Ni postulis al ili la akcepton de nia lingvo, kial? Ĉu unu lingvo estas pli bona ol la alia? Niaj antaúuloj, kiel bonaj kaj edukitaj homoj devus lerni la tieajn lingvojn kaj poste en bona harmonio kunvivi kun ĉiuj. Sed




tio evidente ne okazis. Kaj tiun ekzemplon oni povas apliki al aliaj facetoj de nia koloniigado. Kial la tieaj indiĝenoj estis devigataj akcepti nian religion? Ĉu oni devas pensi, ke nia religio posedis aŭ posedas la solan veron? Sed kie evidentiĝis niaj misfaroj estis en la sociaj aferoj. Tiuj landidoj, kiuj estis la mastroj de siaj vivoj kaj kampoj baldaŭ fariĝis servistoj de la novaj kaj ĵus alvenintaj sinjoroj. Hodiaŭ, filmoj kaj verkistoj sinceraj montras al ni la kruelaĵojn de la koloniigado. Restu klare, ke per ĉi tiu akuzo, mi ne celas nur la hispanojn, sed ĉiujn, kiuj submetis la tiutempajn loĝantojn. Kiom da patriotoj estis mortigitaj, ĉar ili ne akceptis la vivnormojn de la konkerantoj! Sed tiujn kronikojn oni redaktis alimaniere. Nome de nia reĝo aŭ prezidanto kaj de nia eklezio, oni mortigis kelkajn milojn da landidoj, kiuj ne volis akcepti la progreson, kiun ni alportis tien. Bonvolu rigardi la filmojn.Ofte aperas la ruĝhaŭtuloj kiel bonaj homoj, en aliaj filmoj ili estas teruraj sovaĝuloj, kio ja ne gravas, ĉar fine ĉu bonaj aŭ malbonaj ĉiuj estas mortigitaj. Kiel homo apartenanta al tiu parto de la homaro, kiu sovaĝe invadis Amerikon, ĉiam mi estas preta peti pardonon al ili.

Mortiginte parton de la aŭtoktona loĝantaro kaj submetinte la restantan, la koloniigistoj (mi ripetas ne nur la hispanaj) komencis alproprigi ĉion: la grundon el kiu formiĝis la grandaj bienoj apartenantaj al grandaj sinjoroj de la politiko, de la militistaro, de la eklezio aŭ de financaj grupoj, kiuj el la malnova kontinento agadis, kiel mastroj kaj sinjoroj de la nova konkerita tero. Estis rabitaj la grandaj trezoroj, kiujn per specialaj ŝipoj oni transportis en Eŭropon. Tiom granda estis tiu negoco, ke formiĝis eksterleĝaj organizaĵoj, por preni parton en tiu forprenado. Jes, mi aludas al la piratoj, kiuj ankaŭ formis parton de tiu negoco. La mortigado de la aŭtoktona gento estis tiel grava, ke oni bezonis alporti laboristojn el aliaj landoj. Kaj komenciĝis la merkato de sklavoj. El afrikaj lokoj oni alportis al la nova mondo milojn kaj milojn da estaĵoj, kiuj en la plej maldignaj kaj malhumanaj kondiĉoj estis uzataj por riĉigo de tiuj, kiuj antaŭe forpelis aŭ mortigis la posedantojn de tiuj teritorioj. Tiu merkato de negroj, karaj amikoj, ankaŭ estas parto de la historio kaj neniel oni devas ĝin forgesi. Post forrabo de la grundo, sekvis ŝtelado de ĉiuj naturaj riĉaĵoj, kiel mineraloj, oro kaj arĝento. Miloj da orotunoj venis en Eŭropon. Ankoraŭ brilas en la Eŭropaj preĝejoj kaj aliaj institucioj la oro forportita el Ameriko.

Iom post iom, la norda parto de Ameriko komencis regi la centran kaj sudan partojn de la nova kontinento. Pro la regado de la menciita norda parto de Ameriko fare de anglaj kaj francaj koloniigistoj, komenciĝis la

industria imperio. Dum la hispanoj kaj portugaloj ne ĉesis konverti herezulojn kaj kunvivi kun la indiĝenoj, la norduloj, ĉu perforte, ĉu per strangaj interkonsentoj, fariĝis la veraj mastroj de tiuj ampleksaj teritorioj. Hispanujo estis devigita retiriĝi, kaj ni nur lasis tie, kiel spurojn niajn, aparte de multaj kaj gravaj misfaroj, kelkajn konstruaĵojn, la lingvon kaj la religion.

Kaj nun, kiam ni pretas festi tiujn 500-jarojn da kunvivado, la situacio ne povas esti pli ĥaosa. La plej granda mizero invadas tiujn riĉajn landojn. La norduloj regas komplete kaj laŭdezire la tutan ekonomion de tiuj landoj. La korupteco de multaj gvidantoj, pli helpas malbonigi la situacion de tiuj malfeliĉaj homoj, kiuj komencis suferadi ĝuste antaŭ 500-jaroj.

Jam restas malmultaj el tiuj amerikaj triboj. Ili ankoraŭ devas batali nun kontraŭ tiujn maŝinojn, kiuj senarbigas iliajn teritoriojn, en kiuj vivis iliaj pratempuloj. Mi jam legis, ke tiuj restantaj homoj protestadas kontraŭ la tiel nomata Festo de la 500a datreveno de la malkovro de Ameriko. Ili vidas, kiel iliaj kabanoj estas detruataj de tiuj gigantaj maŝinoj. Ili petas, ke la konscienco de la homo haltigu tiun mortigon de la naturo, sed vane. La grandaj monopoloj internaciaj aŭskultas nenion, ili nur celas pligrandigi sian povon. La Amazonio, pulmo de la tuta mondo, estas iom post iom detruata. Malaperas grandaj arbaroj kaj kun tiuj arbaroj ankaŭ malaperas la gentoj, kiuj dum miloj da jaroj vivis tie, loĝis tie. Ni,kiuj tiom multe parolas pri rajtoj kaj liberoj entombigas homojn en iliajn proprajn terojn. Sed ne sufiĉas tiuj krimoj; jen la nomata ekstera ŝuldo: la avareco de la grandaj bankoj kaj la korupteco de multaj enlandaj politikaj respondeculoj lombardis la landojn, kiuj ne kapablas pagi eĉ la interezojn de tiu lombardado. Estas kunvenoj kaj pliaj kunvenoj de altrangaj sinjoroj kaj institucioj celantaj, ili diras, solvi tiun gravan problemon, sed la rezulto jam estas de ĉiuj konata, t.e. la ŝuldo pligrandiĝas kaj la penoj postulataj al tieaj popoloj ankoraŭ mizerigas ilin multe pli kaj la vera solvo neniam alvenos.

En ĉi tiuj nediskuteblaj historiaj kaj nuntempaj vivkondiĉoj de Ameriko, ni pretas festi tiun grandiozan feston...Kio okazos en la jaro 1992a? Sendube estos multaj aranĝoj de "alta nivelo", sed la popoloj restos indiferentaj al tiuj okazaĵoj. Nur restos por ili la folklora festo. Se vere ni deziras la bonon al tiuj popoloj, se ni deziras redoni al ili, almenaŭ parton de tio, kion ni forrabis al ili, minimume, kion ni devus fari estas likvidi la eksteran ŝuldon. Sed tio ne okazos, bedaŭrinde.

La malkovro de Ameriko devus esti unu el la plej grandaj momentoj de kunvivado. Devus esti la renkontiĝo de kulturoj, de vivformoj malsimilaj, sed ĉiam respektantaj unu la alian. Estis la momento por la kreado de nova tutmonda kunvivado forgesante tiujn militojn, kiuj abundis en Eŭropo.

Sed ni agis male. Tiuj, kiuj akceptis nin per malfermitaj brakoj, post kelkaj jaroj estis sklavigitaj de ni. Rompiĝis la etoso inter la homoj, kaj la malbono venkis la bonon. La homaro ne povas fanfaroni pri sia agado en Ameriko, eĉ se parto de tiu Ameriko hodiaŭ regas la mondon. Ne ĉiam oni povas bazi la nomatan progreson sur la freneza deziro de propra posedo. Ne ĉiam nia civilizo povos bazi sian evoluon sur la nuligo de la homo. Se ne venos pli da toleremo inter la homoj, se ni ne kapablos respekti la naturon, pli frue aŭ pli malfrue estos la fino de la homa raso.

Luis SERRANO PEREZ

***** ****** *****

# FORPASIS JOSE F. SOLER

Pasintan 20an de Marto forpasis samideano José F. Soler Sempere,grava Valencia esperantisto kreinto de Esperanto-Fondaĵo kaj vigla aktivanto de nia Movado en tiu urbo.

Li estis filo de unu el la plej elstaraj pioniroj de Esperanto en Hispanio: Fernando Soler y Valls (1873-1956), esperantisto de 1904 kaj aŭtoro de interesa Esperanta Gramatiko plurfoje eldonita. Fidela li mem al la idealo de lia patro, José-Fernando partoprenis multenombrajn universalajn kaj naciajn kongresojn kaj renkontiĝojn, el kiuj li konservis abundajn aŭdovidajn dokumentojn, fundamentajn por pli bone kompreni la historion kaj evoluon de nia Movado. Li publikigis ĝis 12 eldonojn de la Gramatiko "El Esperanto al alcante de todos" de lia patro, kaj honore al li fondis oficiale en la jaro 1988 la Esperanto-Fondaĵon "Fernando Soler", kiu restas kiel lia plej grava kontribuo al la esperantista idealo.

Ripozu pace tiu ĉi neforgesebla homo kaj grava esperantisto!

Johano Fontecha.

P.S. La Redakcio de "Boletin" esprimas al la Valencia esperantista kolektivo nian kondolencon pro tiu bedaŭrinda perdo.

****** ****** ******

# KUNVOKO AL ĜENERALA KUNSIDO

Laŭ artikolo 25 de HEF-Statuto, la estraro kunvokas la anaron per tiu ĉi anonco en la nº 301 de "Boletín" al Ĝenerala Ordinara Kunsido kadre de la 51a Hispana E-Kongreso en La Laguna laŭ jena tagordo:

1,2,3.- Legado kaj eventuala aprobo de Akto de la pasintjara kunveno, de la Financa Raporto kaj de la Ĝenerala Raporto.

4.- Prezentado de la Financa buĝeto por 1991/92.

5.- Venontaj Kongresoj kaj Postkongresoj.

6.- Informoj pri "Boletín", Libro-Servo, Centra Oficejo, Fondaĵo Esperanto kaj Preuniversitataj Kursoj.

7.- Petoj kaj demandoj. (La estraro atentigas, ke ĉiu membro rajtas anticipe sendi ĉian peton aŭ sugeston por eventuala debato.)

La Sekretario,Manuel López. La Prezidanto,Antonio Alonso.

# Viglas nia movado

VIIª PORTUGALA-EKSTREMADURA RENKONTIĜO.- Organizite de Mérida Esperanto-Grupo kun la ĉiuflanka helpo de "Caja Extremadura" -(Ekstremadura Ŝparkaso), kies responsuloj pri Kulturo, pro sia entuziasma apogo al E-o, jam enviciĝis inter niaj plej dankindaj mecenatoj, la 13an de la pasinta Aprilo okazis en Cáceres la 7a Portugala-Ekstremadura Renkontiĝo.

En la kultura aúlo de "Caja de Extremadura", unu el la plej modernaj kaj taúgaj aúditorioj en la urbo, dekoj da ambaúlandaj ĉeestantoj havis la ŝancon ĝui la belecon de la poemo "Najbaroj", deklamita de sia aútoro, la portugalo Gonçalo Neves, la ĉarmajn kantojn kaj dancojn de la Municipa Folklora Grupo de Cáceres kaj la ravan, jam renoman, prelegon "Sur la spuroj de Federico García Lorca", de s-ano Miguel Fernández, kiu unu plian fojon fascinis la publikon per sia nuancplena voĉo, jen dokte parolante pri la andaluza poeto aú deklamante ties poemojn, jen kantante kanzonojn harmonizitajn de Lorca mem aú apartenantajn al "cante jondo".

Ĉe la fino tondris aplaúdoj, kaj, petite de la publiko, s-ano Fernández bisis kelkajn kantojn. Sekvatage, promenado tra la impona bela antikva kvartalo kaj komuna manĝo en kamaradeca etoso metis la finan punkton al ĉi pluigenda aranĝo, kie aúdiĝis altnivela E-o kaj oni travivis neforgeseblajn horojn da portugala-hispana interfratiĝo.

Gratulojn do al s-no Francisco Cabezas, gvidanto de Mérida Esperanto-Grupo, kies senlaca fervoro rezultigis tian sukceson kaj igas nin aúguri plej allogan HEF-Kongreson venontjare en Mérida.

***** ***** *****

BADAJOZ.- La 3an de pasinta Marto prelegis en la kultura salono de la Ŝparkaso de Badajoz pri "Celoj de Esperanto" nia samideano Manuel López Hernández, Sekretario de HEF. Organizis la prelegon la delegito de ILEI en Ekstremaduro José González Rodríguez, kies rimarkinda pozitiva aktivado en tiu regiono jam plurfoje meritis gratulojn de la HEF-estraro. Pli ol 50 personoj partoprenis en la prelego kaj multaj el ili intervenis en la kolokvo okazinta je la fino de la parolado.

La preleganton oni tre aplaúdis.



# ZAMENHOF, GERMANA NOMO DE JUDO, NE POLO



Eraraj informoj.

En "Lingva angulo" verkita de Salvador Gumá Clavell (Boletín, n-ro 298,1990,pĝ.13) enestas du gravaj eraroj. Unue, la aŭtoro nomas Zamenhof polo kaj, due, li argumentas, ke ĉar la vortakcento en la pola lingvo estas sur la antaŭlasta silabo, la nomo "Zamenhof" devas esti prononcata paroksitone /zaMENhof/.

La genta aparteneco de d-ro Zamenhof.

Estas necese klarigi tie ĉi, ke d-ro Zamenhof ne estis polo; li estis judo. Abundo da dokumentaj atestaĵoj pruvas tion. Inter la plej gravaj estas la sekvaj.

a. La naskiĝatesto. Fotokopio ekzistas de paĝo 24 de oficiala libro titolita Libro por enskribo de naskiĝintaj hebreoj en la jaro 1859, kiu estis gardata en la arkivejo de la Juda Komunumo en Bjalistoko(1). La presitaj tekstoj estas en la rusa kaj hebrea lingvoj, kaj la manskribaj donitaĵoj en la rusa. Ĉe n-ro 47 la registraĵo informas, pri la naskiĝo de la filo de Mordka Zamenhof kaj Liba Sofer, kiuj donis al li la nomon "Lejzer", la jidan formon de la hebrea nomo "Eliezer"(Lazaro). En la kolumno titolita "Kiu faris la cirkumcidon" estas la du nomoj Lejb Kon kaj Volf Suraski. Tiu dokumento estis tradukita en Esperanton kaj prikomentita de N.Z.Maimon(2). Estas evidente, ke la naskiĝo de romkatolika polo neniel povis esti registrita en tia matrikullibro.

b. Gimnaziaj kaj universitataj dokumentoj. Kiam ankoraŭ ekzistis la originaloj de oficialaj atestiloj kaj leteroj en la arkivejoj de la Varsovia Dua Vira Gimnazio kaj la Universitato de Moskvo, Halina Edelbaum kopiis la ruslingvajn tekstojn kaj esperantigis ilin (3). Plurfoje troviĝas jenaj esprimoj: "Religio -Mosea","Hebrea konfesio","Juda konfesio". Cetere, en raportoj pri studobjektoj kaj ekzamenoj, la kolumno "Dia Leĝo" estas sen noto, kio indikas, ke Ludoviko kiel judo ne estis devigata ricevi instruon pri la kristana religio. Tiuj dokumentoj pruvas, ke rekonis la judecon de Zamenhof gravaj instancoj kiel la varsovia gimnazio, la Imperia Moskva Universitato, la Ministrejo de Popola Klerigado kaj la varsovia militadministrejo.

c. Loĝado. Dum preskaŭ sia tuta vivo Zamenhof loĝis en la juda kvartalo de Varsovio, kie li plenumis sian praktikon kiel okulkuracisto. Li mem nomis sin "hebreo el la ghetto".

ĉ. Intereso pri la vivo kaj kulturo de la judoj. Krom sia profesia kuracista praktiko kaj sia dediĉiteco al Esperanto, d-ro Zamenhof havis intensan inte-

# ZAMENHOF, GERMANA NOMO DE JUDO, NE POLO



Eraraj informoj.

En "Lingva angulo" verkita de Salvador Gumá Clavell (Boletín, n-ro 298,1990,pĝ.13) enestas du gravaj eraroj. Unue, la aŭtoro nomas Zamenhof polo kaj, due, li argumentas, ke ĉar la vortakcento en la pola lingvo estas sur la antaŭlasta silabo, la nomo "Zamenhof" devas esti prononcata paroksitone /zaMENhof/.

La genta aparteneco de d-ro Zamenhof.

Estas necese klarigi tie ĉi, ke d-ro Zamenhof ne estis polo; li estis judo. Abundo da dokumentaj atestaĵoj pruvas tion. Inter la plej gravaj estas la sekvaj.

a. La naskiĝatesto. Fotokopio ekzistas de paĝo 24 de oficiala libro titolita Libro por enskribo de naskiĝintaj hebreoj en la jaro 1859, kiu estis gardata en la arkivejo de la Juda Komunumo en Bjalistoko(1). La presitaj tekstoj estas en la rusa kaj hebrea lingvoj, kaj la manskribaj donitaĵoj en la rusa. Ĉe n-ro 47 la registraĵo informas, pri la naskiĝo de la filo de Mordka Zamenhof kaj Liba Sofer, kiuj donis al li la nomon "Lejzer", la jidan formon de la hebrea nomo "Eliezer"(Lazaro). En la kolumno titolita "Kiu faris la cirkumcidon" estas la du nomoj Lejb Kon kaj Volf Suraski. Tiu dokumento estis tradukita en Esperanton kaj prikomentita de N.Z.Maimon(2). Estas evidente, ke la naskiĝo de romkatolika polo neniel povis esti registrita en tia matrikullibro.

b. Gimnaziaj kaj universitataj dokumentoj. Kiam ankoraŭ ekzistis la originaloj de oficialaj atestiloj kaj leteroj en la arkivejoj de la Varsovia Dua Vira Gimnazio kaj la Universitato de Moskvo, Halina Edelbaum kopiis la ruslingvajn tekstojn kaj esperantigis ilin (3). Plurfoje troviĝas jenaj esprimoj: "Religio -Mosea","Hebrea konfesio","Juda konfesio". Cetere, en raportoj pri studobjektoj kaj ekzamenoj, la kolumno "Dia Leĝo" estas sen noto, kio indikas, ke Ludoviko kiel judo ne estis devigata ricevi instruon pri la kristana religio. Tiuj dokumentoj pruvas, ke rekonis la judecon de Zamenhof gravaj instancoj kiel la varsovia gimnazio, la Imperia Moskva Universitato, la Ministrejo de Popola Klerigado kaj la varsovia militadministrejo.

c. Loĝado. Dum preskaŭ sia tuta vivo Zamenhof loĝis en la juda kvartalo de Varsovio, kie li plenumis sian praktikon kiel okulkuracisto. Li mem nomis sin "hebreo el la ghetto".

ĉ. Intereso pri la vivo kaj kulturo de la judoj. Krom sia profesia kuracista praktiko kaj sia dediĉiteco al Esperanto, d-ro Zamenhof havis intensan inte-

reson pri la juda popolo, la problemoj de ilia vivo en Ruslando kaj ankaŭ, la jida lingvo. Kiel publicisto li aperigis ruslingve artikolojn pri la juda demando, kaj antaŭ ol li komencis okupiĝi pri Esperanto, li verkis gramatikon de la jida lingvo kaj montris, kiel oni povas skribi ĝin per la latina alfabeto.

d. Morto. Kiam Zamenhof mortis en aprilo 1917, li estis enterigita en la juda tombejo de Varsovio.

e. Eldiroj de Zamenhof. Zamenhof neniam neis sian judecon. Male, li plurfoje menciis ĝin. Jena citaĵo venas el letero sendita al Alfred Michaux en 1905(4). "(...) mi estas hebreo kaj ĉiuj miaj idealoj, iliaj naskiĝo, maturiĝado kaj obstineco, la tuta historio de miaj konstantaj bataladoj internaj kaj eksteraj -ĉiuj estas sendisige ligitaj kun tiu ĉi mia hebreeco. Mi neniam kaŝis mian hebreecon kaj ĉiu esperantisto tion ĉi scias"(pĝ.106).

f. Neo de poleco. En la sekva citaĵo el letero sendita al la Loka Kongresa Komitato en Krakovo en 1912, Zamenhof kategorie insistas, ke li ne estas polo(5). "En la okazo, se Vi nepre bezonos paroli pri mia persono, Vi povas min nomi "filo de pola lando"(...) sed ne nomu min "polo" por ke oni ne diru, ke mi -por akcepti honorojn- metis sur min maskon de popolo, al kiu mi ne apartenas" (Vol. I, pĝ. 212).

Konkludo. Zamenhof ne povis esti membro de la pola gento laŭ etnografia vidpunkto, ĉar ĉiuj liaj antaŭuloj estis judoj, kaj li mem estis edukita religie kaj kulture kiel judo. Lia hejma lingvo estis la rusa, ne la pola. Li eĉ ne povis esti pola civitano, ĉar kiam li vivis, ne ekzistis sendependa pola ŝtato. Li estis regato de la cara Rusa Imperio. La konfuzo pri la genta aparteneco de Zamenhof estas la rezulto de judofobio en kaj ekster la Esperanto-movado. Bedaŭrinde, prisilentado de la veraj faktoj pri la vivhistorio de Zamenhof ankoraŭ ekzistas, ĉar pluraj redaktoroj de Esperanto-periodaĵoj, per feblaj pretekstoj kaj bizancismaj argumentoj rifuzas publikigi verkojn pri la temo.

Historio de la nomo "Zamenhof".

La aŭtoro de Esperanto mem informis, ke lia familia nomo estas nek rusa nek pola sed estas de germana deveno. En 1904 berlinaj esperantistoj demandis pri la ĝusta ortografio de la familia nomo. En sia respondo, Zamenhof pritraktis la avantaĝojn de fonetika skribado de propraj nomoj laŭ la maniero Esperanta(6). Li klarigis jene:"Jen estas la kaŭzo, kial mi skribas mian nomon per Z, kvankam ĝi havas devenon germanan"(pĝ.428).

En la unua tempo Zamenhof kaj ĉiuj aliaj familianoj kaj parencoj skribis sian nomon jene:"Samenhof". Laŭ la reguloj de la germana prononco, komenca "s" antaŭ vokalo estas prononcata kiel "z". Kiam "Samenhof" estas transskribita per la hebrea kaj kirila alfabetoj, la litero anstataŭanta la "s" estas la ekvivalento de "z". En la kirila transskribo la nomo ricevas ankoraŭ



unu fonetikan modifon;"Zamengof" havas la literon"g" ĉar en la rusa lingvo mankas la fonemo "h". Rimarku, ke la nomo de la bofamilio de Zamenhof montras la saman traktadon:"Silbernik" transformiĝis en "Zilbernik".

Zamenhof uzis la formon "Samenhof" ĝis li definitive decidis pri fonetika transkribo de sia nomo. De la komenco de 1898 ĝis la 12a de aprilo 1904 liaj leteroj surhavas la stampilan adreson "Dr. L.Samenhof, Warszawa, ul. Dzika nº 9." Ekde la 13a de aprilo, la adreso estas presita kiel "D-ro L.Zamenhof, Varsovio, str. Dzika nº 9 (7,8). Sur la frontpaĝo de "La Esperantisto"(1989) "Dr.L.Samenhof"aperas en la germana teksto, dum en la Esperanta teksto la nomo estas "Dr.L.Zamenhof". La franca kaj germana tradukoj de la Frazeologio de Marko Zamenhof, la patro, havas sur la titolpaĝo la nomformon "M.F.Samenhof". Germanlingvaj libroj uzis la formon "Samenhof", kaj eĉ en 1924 memortabulo estis starigita en Vieno kun la nomo "Lazar Ludwig Samenhof".

Kiel juda familio en la Rusa Imperio akiris germanan nomon.

En sia pritrakto de la nomo Zamenhof, N.Z. Maimon reliefigas, ke ĝi prezentas enigmon pro sia malofteco kaj izoleco inter aliaj familiaj nomoj(9). Ĉar multaj judoj loĝantaj en la Rusa Imperio ne uzis familiajn nomojn, estis publikigita dekreto en 1804, ordonanta, ke ĉiu judo ankoraŭ ne havanta familian nomon, alprenu ĝin. La elekton faris jen la koncernulo mem, jen iu administracia funkciulo, jen la loka policestro. Sekve, la nomo "Samenhof" ne povas esti pli frua ol 1804, krom se iu praavo aŭ prapraavo akiris ĝin pli frue. Marko Zamenhof, la patro, naskiĝis en Tikocin, 30 km nordokcidente de Bjalistoko, en la jaro 1837. Ĉar tiu urbo tiam estus regata de Rusio, li devis havi familian nomon same kiel lia patro, Fajvl (Fabiano). Tamen, estas malfacile scii, ĉu Fabiano naskiĝis kun familia nomo. Post la tria dispartiĝo de la Pola Reĝlando en 1795, Bjalistoko kaj ĝia ĉirkaŭaĵo troviĝis en la parto, kiun akiris Prusio, kaj ĝi venis sub rusan regadon en 1807. Tiam estis aplikebla tie la rusa leĝo de 1804 pri familiaj nomoj. Volf, la patro de Fajvl kaj praavo de Ludoviko, venis de la gubernio Kurlando en sudokcidenta Latvio, kie loĝis multaj germaneparolantoj(10), do jen ankoraŭ unu fonto de la germana nomo "Samenhof". Tamen, estas plej probable, ke iu familiano akiris tiun nomon, kiam Tikocin estis sub la regado de Prusio.

Provoj estis faritaj ekscii la signifon de "Samenhof", sed ne akordas la esploristoj, do estas vane listigi ĉiujn hipotezojn, ĉar mankas objektivaj atestaĵoj. Kiu volas sekvi la vojojn en tiu onomastika labirinto, konsultu la verkojn de Maimon(11) kaj Gold(12).

La prononco de "za-men-hof".

Ni jam scias, ke la komenca "s" antaŭ vokaloj en la germana ortografio estas prononcata kiel la Esperanta sono "z". La sekva problemo estas trovi la lokon de la akcento. En la germana lingvo la ĉefan vortakcenton kutime

ricevas la radiksilabo. En simplaj vortoj ĝi estas la unua silabo, krom se la vorto havas prefison aŭ estas de fremda deveno. En la kazo de kunmetitaj vortoj, la unua parto ĝenerale havas la ĉefan akcenton, ĉar ĝi estas la plej signifa, plej grava elemento: MITtagessen (tagmanĝo), ÜBermässig (troa), VEGgehen foriri). Se ni konsideras "Samenhof" kiel kunmetaĵon (samen + hof) senkonsidere de iu signifo, kiun ĝi povus havi, tiam ĝia akcento estas sur la unua silabo:/SAmenhof/. La analogio kun la sekvaj germanaj kunmetaĵoj finiĝantaj per hof estas orelfrapa: BAUernhof(kamparana bieno), EDelhof(sinjora bieno), FÜRSTenhof (princa kortego), KÖNigshof (reĝa kortego). Surbaze de la germana prononco de "Samenhof", ne estas apogebla la prononco /zaMENhof/, proponita en la citita "Lingva angulo" de "Boletín".

Sonregistraĵoj de la nomo "Zamenhof".

Se ankoraŭ estas skeptikuloj, kiujn la ĉi supraj argumentoj ne konvinkis, ili sciu pri ankoraŭ unu atestaĵo. Radio Polonia eldonis kasedon kun programo dediĉita al d-ro Zamenhof. La paroladisto, kies gepatra lingvo estas la paroksitona pola lingvo, senescepte prononcis la nomon "Zamenhof" kun la akcento sur la unua silabo: /ZAmenhof/. Parto de la programo konsistas en reaŭdiĝo de du malnovaj paroladoj de d-ro Zamenhof, kiujn li registris sur vaksaj fonografaj cilindroj en 1902 kaj 1909. La sonkvalito, kompreneble, nun estas tre malbona, sed ĉe la fino de la dua registraĵo, kiu estas salutmesaĝo al la barcelonaj esperantistoj okaze de la 5a U.K. en tiu urbo en 1909 la aŭtoro de Esperanto diras sian nomon: LudoVIko LaZAro ZAmenhof. Jes, ankaŭ d-ro Zamenhof akcentis la unuan silabon de sia familia nomo.

Ankoraŭ unu prononc-maniero!

Mi prezentis la demandon pri la prononco de la nomo "Zamenhof" al Itô - Kanzi (konata laŭ la pseŭdonimo Ludovikito kiel la eldonisto de la Plena Verkaro de Zamenhof), ĉar li estas specialisto pri la fako ludovikologio. Li informis min, ke li mem ordinare elparolas /zaMENhof/ "ĉar tiu maniero de akcentado plej bone sidas en nia japana lingvo". Tiu prononco, do, estas persona elekto, ne historie pravigebla. S-ro Itô sciigis min ankaŭ pri ankoraŭ unu prononc-maniero kun la akcento sur la lasta silabo. Li ricevis de Boris Kolker el Sovetunio tradukitan leteron, kiun skribis d-rino Zoja Miĥajlovna Zamenhof, juristino el Moskvo, en 1985. D-ro L.L.Zamenhof estis kuzo de ŝia avo aŭ praavo. Laŭ ŝia scio, la sola alia persono en Sovetio kun la familia nomo Zamenhof estas ŝia frato Lev Miĥajloviĉ Zamenhof.

Skribis D-rino Zamenhof: "La akcenton ni ĉiam metis sur la lastan silabon de la familinomo". Ŝia prononco, do, estas /zamenGOF/. Rimarku, ke la litero "g" anstataŭas la "h", ĉar tiu ĉi litersono mankas en la rusa lingvovo. Zamenhof same skribis "Zamengof", kiam li uzis la kirilan alfabeton, kaj tiel aperas la familia nomo sur ĉiuj oficialaj ruslingvaj dokumentoj.

Konklude, mi konjektas, ke la prononco de d-rino Zamenhof rezultas el influo de la rusa lingvo.

Bernard GOLDEN

NOTOJ.-

1. Adolf HOLZHAUS. Granda galerio zamenhofa 2. Dua volumo kun 501 bildoj,fotoj, kaj reproduktaĵoj. Helsinki: Fondumo Esperanto;1978. 417 pĝ. Vd. pĝ.71.

2. N.Z.MAIMON. La kaŝita vivo de Zamenhof. Originalaj studoj. Tokio: Japana Esperanto Instituto;1978. 214 pĝ. Vd. pĝ. 43-46.

3. Halina dokumento pri la studentaj jaroj de L.L.Zamenhof. Oficialaj arkivoj gimnaziaj kaj universitataj en la rusa lingvo, kopiitaj kaj tradukitaj en Esperanton de Halina Edelbaum kun komentaro de Naokazu Kawasaki. Tokio:Juntaro Iúaŝita; 1977. 239 + 22 pĝ.

4. L.L.ZAMENHOF. Leteroj de L.L.Zamenhof. Red. de G.Waringhien. Du volumoj. Paris:Sennacieca Asocio Tutmonda;1948. 367 kaj 342 pĝ.

5.Adolf HOLZHAUS. Zamenhof leteroj. Helsinki;Fondumo Esperanto;1975. 329.pĝ.

6.L.L.ZAMENHOF. Originala verkaro. Red. de Joh. Dietterle. Leipzig; Ferdinand Hirt und Sohn; 1929. 604 pĝ.

7. Aŭtografoj de Ludoviko. Serio I. Kromkajero 4 de Plena Verkaro de Zamenhof (PVZ). Kioto:Eldonejo Ludovikito;1989. 407 pĝ.

8.Vd. noton 4, vol. I, pĝ. XII.

9. Vd. noton 2, pĝ. 51.

10. Edvardo WIESENFELD. Galerio de Zamenhofoj. Köln:"Heroldo de Esperanto"; 1925. 40 pĝ.,19 fotografaĵoj, genealogia tabelo.

11. Vd. noton 2, pĝ. 52-56.

12. D.L. GOLD. N.Z.Maimon's La kaŝita vivo de Zamenhof. Pĝ.40-57 en Studoj pri la Internacia Lingvo. Red. de Michel Duc Goninaz. Gent:AIMAV;1987. 155 pĝ. Vd. pĝ. 43-45 kaj 54-55.

****** ****** ******

# NUNJARA PREMIO "Klara Silbernik"

En la kadro de la 51a Hispana Kongreso de Esperanto, okazonta venontajulie en La Laguna (Tenerifo) oni liveros la premion "Klara Silbernik" al sinjorino Carmen Rodríguez Hernández, edzino de la prestiĝa membro de la Akademio de Esperanto Profesoro Juan Régulo Pérez.

La Redakcio de "Boletín" laúdas al la Komisiono zorganta pri la ĉiujara elekto, la trafan ĉi-jaran decidon, kaj esprimas al la sinjorino Carmen Rodríguez sincerajn gratulojn.

# RESPONDO AL S-ro GOLDEN... kaj punkto!

Mi dankas S-ron B. Golden por lia ĝiskerna leciono pri la deveno de Zamenhof, pri la deveno de lia nomo kaj pri ĝia ĝusta lego. Se ne estus la SED kaj la TAMEN, mi certe dirus Amen!

Mi ne nomis D-ron Zamenhof, polo; mi diris ke li estis pola. Ni estas tiaj, kiaj stampas nin la ŝtato, kie ni naskiĝas. Tamen oni povas esti konfesanto aú adepto de preferata religio, mondkoncepto, civilizo aú maniaĵo, eĉ interne de sia naskiĝlando. Ŝtataneco kaj deveno civiliza aú religia, povas ne koincidi; sed unu fakto ne ekskludas la alian. Se nur validus la deveno, mi, kataluna, ne scias kia mi estus, ĉar kie mi naskiĝis, tie loĝis indiĝenoj pluraj generacioj de arabaj kaj hebreaj envenintoj.

El la tri vokaloj de la nomo Zamenhof, kiun oni voĉe akcentu? Ĉu oni akcentu arbitre laú sia lingvo, aú la antaúlastan kiel en Esperanto? Aú, ĉu ni analizu kaj lernu la devenon, formiĝon kaj konsiston de ĉiu nomo persona por scii kiu estas la akcentota silabo? Tio estus freneziga. Nur la meza maniero, konsekvence, rezultas aplikinda. Mi aúdis de polaj samideanoj la agrable glatan diron ZaMENhof, kaj mi aúdis ankaú eĉ de sur la podioj de niaj Universalaj Kongresoj la samtempe dirataj ZAmenhof kaj ZamenHOF, ambaú malkongruaj kun Esperanto.

Ankoraú estas aktuala la pradiro: <u>Errare humanun est.</u>

Salvador GUMA

****** ****** ****



<u>NE FORGESU LA PAGON DE LA HEF-KOTIZO.</u>

| | |
|---|---|
| Membro-abonato . . . . . . . . . . | 1.700 ptojn. |
| Emerito, junulo, senlaborulo . . | 1.200 " |
| Asocio aú Grupo . . . . . . . . . | 3.400 " |

Vidu la adreson de la Kaŝisto sur la dua paĝo.
La nepagintoj ricevos la bultenon je la fino de la jaro remburse.



# IBN JAFÄYYA KAJ SIA SKOLO

Ni jam komentis en alia artikolo aperinta en tiu ĉi sama revuo certajn karakterizojn de la poezio de Ibn Jafäya, el Alzira (1058-1138), kaj, post analizo de kelkaj el liaj poemoj, venis al la konkludo, ke la alnomo donita al li de liaj samtempuloj:"al-channân"(la ĝardenisto), poste donita ankaŭ,al liaj skolo kaj disĉiploj, tute ne respondas kun la realo pri speciala pli bona kvalito de liaj poemoj pri ĝardenoj kompare al la ceteraj. La reprodukto sur la cititaj paĝoj de poemoj tiel diverstemaj kiel tiuj pri rivero, ĉevalo, floroj aŭ ĝardenoj sendube bone helpis niajn legantojn adopti propran opinion similan al la nia. Neniu grava primerita diferenco distingas ilin, kaj ĉiu poemo havas la personan sigelon de la lirika talento de Jafäya... Hodiaŭ venas al niaj manoj alia antologio de tiu ĉi granda valencia poeto, kiu plene konfirmas nian vidpunkton. Jen kiel majstre li priskribas sian impreson pri la valencia Albufero(1):



LA AKVOJ DE ALBUFERO.

Rapidigis vino l' horojn,
kiuj flugis dum vespero,
tiujn horojn de diboĉoj
diluitajn en momentoj
forflugantaj en la sorĉo
de la taga malapero,
dum envolvis min la ĝojo
de ebriaj ĝumisteroj.

Mildŝoviĝis briza blovo
trae de la Albufero,
kiam sur la horizonto
fuĝis la krepuskaj heloj;
l' akvoj, azaharaj floroj,
floris kvazaŭ brilarĝento,
kuŝis suno sur la oro
de l' akvar' de l' Albufero.

Ibn Jafäya, ne nur sciis lerte esprimi tion, kion li vidis, sed ankaŭ priskribi la sentojn vibrantajn en la profundo de li mem, kiam, kontakte kun la naturo, tiun li ĝuis, kiel oni povas percepti per tiu ĉi bela poemo:

## STANDARDO DE JUNECO.

Plaĉa, tiu bela tago,
kiam karesanta brizo
lulis min en la arbaro
kaj la sorĉa kant' de l' birdoj
ebriigis min per ravo
kiel nuboj de feliĉo.

Tie mi tre amuziĝis,
stara la junec-standardo,
kie mi sur ŝip' da ĝuoj,
plaĉe kvazaŭ en ŝaŭmakvo,
naĝas steloj en la brumoj
de la Lakta Vojo-padoj...

La ĝardeno: florvizaĝo;
l' akvo: freŝa buŝ' invita;
l' ombroj: fask' da nigraj haroj;
tie restis kunfanditaj
la lavenda parfumaĵo,
la birdkanto dolĉjubila
kaj la delikata ĉarmo
de freŝeta brizo milda.

La virino estis alia el la temoj kiujn nia poeto preferis. Permesu al mi reprodukti nur du el la multenombraj poemoj kiujn li verkis pri ĉi-temo:

## L' EKTAGIĜA MANO.

Ŝi aspektis kiel junko;
tintis ŝiaj orjuveloj
ĉiam, kiam ŝi eksentis
l' ardon de la flam-juneco,
aŭ l' ebrio ŝin katenis
sub la brilo de la steloj.

Ŝi elmontris kun fiero
ene de la ortuniko,
kvazaŭ brilus lun' kun steloj,
siajn vinkolorajn lipojn,
sian cervoforman kolon,
l' okulharan gazelviglon,
siajn belajn eburdentojn,
blankajn kiel ŝaŭma bildo...

Ni, ŝi kaj mi, kunfandiĝis
sub la nokta grizvualo,
ĝis l' aŭrora ruĝ' disŝiris
l' ombron per lertega mano:
l'ektagiĝa hor' magia,
kiu lulis nian amon.

## ELOKVENTA MARO.

Ĉu mi viajn lipojn vidas
ridetantaj kaj belegaj
aŭ literdesegnon vian
kiun vi manlerte strekas?
Ĉu ĝarden' aromon spiras
aŭ parolo via ŝvebas?

Via estas la lingvaĵo
spegulanta klaran lumon
el la brilaj flugsilaboj
kiuj lasas rosajn gutojn
eĉ dum plena arda tago.
Antaŭsentis mi la ĝuon
aŭdi vian versdeklamon;
nun envolvas min veluro:
sorĉ' el via parolarto,
plaĉa kiel marplezuro.



Apartenanta al riĉa familio kaj sen ambicioj politikaj, Ibn Jafäya.ne bezonis serĉi la favoron de reĝoj kaj sinjoroj, cirkonstanco kiu eblegis

lin montri sin tute sendependa dum epoko kiam la poetoj gajnis sian ĉiutagan panon vivante sub la protekto de influhavaj sinjoroj. Li preferis vivi en sia naskiĝurbo ĝuante la naturon kaj, plene dediĉita al la poezio, kantante la belecon de sia regiono, de la virino aŭ de la nokto. Efektive, kelkaj kritikistoj alnomis lin ankaŭ "poeto pri la nokto", ĉar li mirinde kantis ĝin, kiel vi povos konstati per la ĉi-suba poemo:

## LA NOKTO, DENSECO DE VIA HARARO.

Ekenvolvis min la nokto
kvazaŭ estus viaj haroj
dense nigraj kiel korvo,
ŝprucaj kiel pluv' da larmoj
elvokantaj vian nomon
plenan de rememoraĵoj.

Filtris miaj larmogutoj
viajn or-irizajn vangojn
kaj la perlojn de la buŝo...
ploron pri vi pro forlaso
mi elverŝis, kvazaŭ ruĝon
fajra-rozan el granato,
mamocicojn per gutumo
kiel rojon da larmaro.

Mi disŝiris iun nokton
per la frunt' de via luno
la tenebron de l' alkovo,
kie distris min pripluko
per perlaro en skatolo;
tie banis vi en ujo
viajn vangojn en la roso
kaj disigis la parfumon
kiu lasis vian korpon
en la rav' de niaj ĝuoj.

Ĉirkaŭ via lilikolo
ros' da perloj kiel gutoj
sin traŝovis ĝis la gorĝo,
kaj la ebrio per memturnoj
igis tremi vian torson,
kiu perdis en l' obskuro
la gracion de l' koksmovo.

Viaj haroj kun plezuro
min envolvis en la nokto.



La skolo de "ĝardenistoj", krom sia kreinto, havis multajn disĉiplojn, el kiuj la plej elstara estis Ali al-Bulqini ibn Zaqqäq, poeto naskiĝinta en Valencio en la jaro 1093, nevo de Ibn Jafäya.

La poezio de Ibn Zaqqäq sekvas la vojon de la majstro rilate la priskribon, sed montras pli delikatajn nuancojn kaj donas novan sencon al la metaforoj. Konstatu vi mem, kara leganto, tiujn kvalitojn en ambaŭ jenaj poemoj:

BELA LEKANTO.

Jam vekiĝis brila suno
kaj lumigis la aúroro
per viveca sanga ruĝo
la belegan tagan horon.

Tiam, vigla domservisto
plenplenigis la pokalojn;
surĝardene blankaj mirtoj
disparfumis la agrablon,
kaj la anemonaj briloj
logis la kunbabilantojn.

-Kie trovi la lekanton?-
diris ni, kaj la ĝardeno
tuj respondis nin kun ardo:
-mi ĝin lasis sur la dentoj
de la loga glasservanto-
Kaj fariĝis tombsilento.

Neis la pokalservisto
havi tian flor-donacon,
sed apenaú liaj lipoj
ekridetis kun kompato
la mistero sen rezisto
falis kune kun lekanto.

(2) ARIATO DE ANEMONOJ.

Brilis en la plaĉa horo
kiam ellitiĝas suno
ariat' de anemonoj,
kaj zefir' per milda lulo
balancetis ritme florojn
kaj foliojn sur la muro.

Mi vizitis ilin tiam,
kiam la intensa pluvo
ŝiris la belecon vivan
de la floroj, kies ruĝo,
vinkolora kaj gracia,
nin ĝojigis de plezuro.

-Kian kulpon ili havas?-
mi demandis al la pluvo.
Ĝi respondis min sovaĝa:
-Ili rabis la vangruĝon
de knabinoj belvizaĝaj
kaj meritas ja la punon!-

Cetere, tiu ĉi poeto, rompas unuafoje la muldilon plurjarcentan de la stilo tradicia de la hispana-araba Poetiko, ĉar subite li, la poeto, eniras en la kernon de la poemo kiel protagonisto kaj komencas monologi. La propraj demandoj kaj respondoj donas certan sencon kaj freŝecon al la poemo kaj forprenas la rigidecon de la rakonto. Bedaúrinde mi nur trovis ĝis nun liajn poemojn en antologioj kun pluraj aliaj aútoroj kaj neniam kompletan verkon lian donantan dimension pli ampleksan pri liaj kapabloj. Ibn Zäqqaq forpasis en Alzira en la jaro 1133.

La skolo de "ĝardenistoj" restas por ĉiam senmorta, ĉar la poemoj de ĝiaj membroj ne nur aperas en ĉiuj antologioj de grandaj poetoj hispanaj-arabaj, sed ankaú ĉar kasidoj de Jafäya restas ankoraú legeblaj sur la mirindaj salonmuroj de la Granada Alhambro.

Antonio Marco Botella

****** ****** ****** ******

(1)Albufero: marlago ne profunda inter sablokordono kaj la plaĝo.Fakte temas pri malalta sablaro okupita de la maro pro diversaj faktoroj. Fama la valencia albufero: 34 km2.
(2) Ariato: (el la araba al-riyad).Longa mallarĝa bedopeco apud la muro de kortoj kaj ĝardenoj,uzata por kulturi ornamajn florojn,ofte plektitajn sur kanokadro starigita surmure.

## LA PROFIL' DE VIAJ SPUROJ.-

(I)

Adiaúo
sen morgaúo:
naúzo.

Amsopiro
ĝis deliro.

(Paúzo)

Tromba ombro,
daúra sombro
tomba.

Nova ventro,
nur nepento
trompa.

Pluraj jaroj,
grizaj haroj
disaj.

Viaj spuroj:
la konturoj
brizaj.

Softe, bubine, al mi
vi flustris mil karesojn,
dolĉajn pekojn vi sufokis
amlude...
Iam mi sur la palpebroj
vin kisis, am', demetis mian lacon
viafrunten.

Transvivas vin la rememoroj:
via karno traplugita,
la spasmaj spiroj,
via valo,
via ombra valo,
via miela prato,
via vulkano arda aú mistero
aú kolibrido trepidanta,
dum ni done-riceve
tajdis sen ordo,
sen nuboj...Febro de amo,
rava agonio. Elĉerpiĝo.

Tra la balkon' humida
en la ĉambron pasis
birdo-trilo,
kaj min surprizis vialite l'matenruĝo,
ora spron' de via rideto,
kiun trans via pordo mi postlasis
ĉe la foriro...

(II)

Duondorme,
stringante la gemon de l'pase',
atende...
mi interimplikas mornajn melodiojn
per la lango,
borduno de gitaro aú la liko
de mia senespero:
tuj ovumis per forges' via amo,
post ol ĝi naskiĝis,
kaj erarvagas en dezerto.

Ĝin serĉi vanas:
ĉi vundoj surpupilaj
el viabrustaj braĝoj
min ne lasas.
Blindas mi, vundita de deziro.

(III)

Jam
plu
ne
suni,
estinte la sun'
kaj via!

.-...

# LIRIKAJ PAĜOJ

Mi tute nuda
viajn spurojn garde ŝirmas
de la tempo rusto-ŝvita.

Pluv'. En via kanto monotona
kaŝe hurlas rememoroj
frenez-vibraj.

Siblajn
aútunojn sondu, amo, ties brunon,
kiun per brumo tegas mia karno
por via buŝ' obskura kaj arida.

Jam
plu
nur
brumi,
estinte la klar'
kaj via!

Miguel Fernández Martín

****** ****** ***

UNU VIRINO.-

Eniris viro,
kaj kisis laúrutine vangon ŝian.
Ŝi ne lin vidis.

Flirtis kravato,
vira parfumo inundis la ĉambron.
Ŝi ne ĝin flaris.

Ŝik-pretis viro.
Karesis preterpase ŝian sinon.
Ŝi ne lin sentis.

Brilegis ŝuoj,
de la pordo li diris adiaúon.
Ŝi ne lin aúdis.

Virino solis,
kaj kison kaj kareson aútomate
per man' forviŝis.

Tra l' kurtenoj, la urbo.
kaj ie sur la stratoj,
ie de l' tag' al nokto,
ie dum ardas koro,
viro.
ne permesita viro,
kiu fajre gravuris sian nomon
ĝuste en la centron de l' centro ŝia.



J E S

# FOR LA MIZERON!




Jes, kompreneble, ankaŭ al mi tre plaĉis la 300-a numero de Boletín! Ĝi havas pli profesian grafikan aspekton. Kial? Nu, tre simple: ĉar oni faris ĝin per komputilo.

Ha, se la redaktoro disponus komputilon! Kial HEF ne akiras ĝin? Jes, ja, mi komprenas ke per la mizera kotizo kiun mi pagas, 1.700 ptojn jare, tute ne eblas fari miraklojn. Sed neniam mi vestiĝas per ĉifonoj, kaj neniel mi permesus ke miaj karaj vestiĝu per ĉifonoj, krom en karnavalo. Kaj Esperanto estas tre kara al mi... do mi pretas apogi ajnan kampanjon por plibonigi la bultenon. Jen mia defio. Kiu lanĉos ideon?

**FUNDACION ESPERANTO** proponas Kveston (mon-kolekton) cele al aĉetado de komputilo por la redaktado de **Boletín**.

| | |
|---|---|
| Luis Hernandez Yzal | 5.000 ptoj |
| Hispana Esperanta Fervojista Asocio | 10.000 ptoj |
| Astura Esperanto-Asocio | 5.000 ptoj |
| A.R.A.N | 5.000 ptoj |
| Juan Antonio Madrazo | 1.000 ptoj |
| Kantabra Esperanto-Asocio | 2.000 ptoj |
| Liven Dek | 5.000 ptoj |
| Frateco (Zaragoza) | 1.000 ptoj |
| Giordano Moya | 5.000 ptoj |
| Jaime Benito | 10.000 ptoj |

**Ek!**

**Enkasigu vian kontribuon *rekte* en la konton numero 96-44-20 de Caja Postal**

**(Notu ke, pro praktikaj kialoj, la konto estas je la nomo de samideano Miguel Gutierrez)**

ATENTINDA NOTO. La Libro-Servo de HEF NE FUNKCIOS ekde la 15a de Julio, ĝis la 1ª de Septembro 1991. Nur dum la kongresaj tagoj funkcios tiu Servo en la Kongresejo de La Laguna.

****** ********** ******

Ni tutkore dankas al s-ano Antonio Valen Fernández, kiu bonvolis kontroli la presprovaĵon. Dankon!

# IBERIA JUNULARA RENDEVUO EN "EL SALER"

Ekde la 28a de Marto ĝis la 1ª de Aprilo, dudeko da gejunuloj el pluraj nacioj el la hispana ŝtato tendumis apud venta strando kaj sub centoj da buntaj kajtoj kiuj trairis la ĉielon senpaŭze kaj nervoze dum la tuta tago. Fakte, paca sunbrila kaj agrabla ĉirkaŭaĵo, sed iom malproksima de Valencio.

Okazis kelkaj programeroj kiuj tinkturis milde la kvietecon de la tendarejo: gitarludado, ekskurseto al la Albufero, boatirado sur la marhaveno de Valencio, diversaj rondetoj, promenado tra la tipaj vidindaĵoj de Valencio, projekcio de lumbildoj, iom da sporto, gustumado de "paella", k.a. Sed tamen ne temis pri kutima renkontiĝo, sed simple pri agrabla rendevuo kiu ne arogis al si alian aspiron ol ebligi interkonatiĝon kun aliaj junaj gesamideanoj, kiuj laboras por Esperanto.

Kiel dirite, ne tro da gejunuloj partumis tiun tendaron pro malsamaj kialoj, kaj tial, en la ĝenerala kunveno, kiun ni okazigis dimanĉe, ni konkludis nur, ke ĉiuj ni devas daŭre labori ĉe niaj lokaj kaj landaj asocioj por plifortigi niajn respektivajn movadojn rezignante ĉi-momente pri ambiciaj komunaj aferoj, kiuj ne estus tre konkretaj. Tamen, ni klopodos esti informitaj inter ni pere de flugfolioj kaj niaj bultenoj kaj revuoj kiam io rimarkinda okazos. Ankaŭ konsiderante ke preskaŭ ĉiuj kluboj kaj asocioj el la hispana ŝtato ricevas "Boletín" oni decidis daŭre prizorgi sekcion en ĝi,kiu utilu kiel kontaktilo.

Je via dispono

Iñaki Gauna.

****** ********** ******

# KUNVOKO AL EKSTERORDINARA KUNSIDO

Laŭ artikolo 26a de HEF-statuto, la estraro kunvokas la anaron al Eksterordinara Kunveno por trastudo kaj eventuala aprobo de modifoj en la Statuto.
Dato kaj horo: Mardo, 16a de Julio 1991. De 16a ĝis 18a horo, en la koncerna ĉambro de la Kongresejo, en La Laguna.

La estraro atentigas, ke ĉiu membro rajtas anticipe sendi ekde.nun al la Sekretario ĉian peton, proponon, sugeston k.s. por la pli bona muntado kaj kompleteco de la kunveno.

La Sekretario, Manuel López La Prezidanto, Antonio Alonso

****** ********** ******

NOTO.- Por stimuli al studado la novan lernantaron, S-ino Tereza Lladós de Mimó daŭre premios la lernanton plej studeman de ĉiu Esperanto-kurso per unu el jenaj libroj:"Decidaj argumentoj","Neĝbulo","Don Juan Tenorio" kaj "Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto".La peton kaj elekton de la libro faros la kursgvidanto de la E-kurso al S-ro Luis Serrano Pérez;Font Nova,32.-08202-Sabadell, kaj li/ŝi devos sendi kun la peto 100 Ptojn en poŝtmarkoj por la sendokosto.

